


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIª, XVII.)
CAMOENS

**5a jaro Januaro 1935 N-ro 44**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio* :
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

## MEMORINDAJ TAGOJ

1. 1898.—*Fondo de la Societo por la propagando de l' Esperanto en Francujo.*

29. 1898.—*Pi y Margall, prezidinto de la unua Hispana Respubliko, publikigas propagandan artikolon pri Esperanto.*

## ACTA LIV DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 10 de diciembre de 1934, se reunió en el domicilio de la Asociación (Chinchilla, 2) la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los señores que se relacionan al margen.

Se aprobó el acta de la Junta anterior.

A propuesta del tesorero se acuerda depositar los fondos de la Asociación en cuenta corriente de un Banco, en forma que para extraer el dinero de ella se necesiten las firmas del presidente, del secretario y del tesorero.

El presidente lee el texto de la base 2.ª que envía la Hispana Ligo de Esperantistaj Fervojistoj para el ingreso de sus miembros en H. E. A. Dicho texto, que sustituye al que fué rechazado en la sesión de 1.° de octubre (véase la revista, núm. 41, pág. 3), es como sigue: «BASE 2.ª Teniendo en cuenta el común interés de ambas entidades (H. E. A. y H. L. E. F.) en la propaganda general esperantista, se procurará que en la publicidad impresa de esta índole que edite H. E. A., vaya incluída una parte que se refiera a la Liga, con el fin de que el mismo material pueda surtir doble efecto sin aumento de gasto, encargándose H. E. A. de la expedición de esta propaganda.» Fué aprobado por unanimidad.

El secretario hace un resumen de la labor realizada en el año actual por la Asociación. El presidente hace resaltar el trabajo efectuado por el samideano Jacinto Martín, que en trescientos carteles del Patronato Nacional del Turismo escribió en esperanto el texto letra por letra con unos caracteres que no se diferenciaban de los de imprenta, resultando un conjunto tan artístico que el Patronato ha recibido numerosas felicitaciones del extranjero y ha quedado impre-

sionado muy favorablemente respecto a la importancia mundial del esperanto. Por unanimidad se da un voto de gracias al samideano Jacinto Martín.

El vicepresidente anuncia su propósito de dimitir su cargo fundándose en que sus ocupaciones profesionales no le permiten dedicar a éste la atención que merece. La Junta lamenta esta resolución del vicepresidente, que continuará en su cargo hasta que en la próxima Asamblea de delegados se nombre el sustituto.

Todos los acuerdos se tomaron por unanimidad. Y no habiendo más asuntos pendientes se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Julio Mangada*.

Asistieron: El presidente; D. José Perogordo, vicepresidente; D. Julián Sosa, tesorero; D. Fernando Molina, vicetesorero; doña Visitación Martín, bibliotecaria; D. José Artigas, D. Carlos de San Antonio y D. Javier Marauri, vocales; D. Jacinto Martín, vicesecretario, y el secretario.

## KRIMULAJ KUNIKLMURDISTOJ

«*Mi miras ke en Hispanujo oni ĉaspafas ne nur leporojn, sed ankaŭ kuniklojn, kiuj ja estas dombestoj.*»

(P. B. Lingvo-Libro, paĝ. 43, recenzo pri «Santander»).

En la glora tempo de nia ora jarcento, kiam bravaj soldatoj, petolaj studentoj aŭ ruzaj friponoj kuniĝis en gastejo por gaje kunmanĝi, se oni aperigis sur la tablo kuniklan kuiraĵon, ĉiuj la ĉeestantoj solene staradis kaj etendante la manojn al ĝi, gravmiene admonis:

Se vi estas kat'
Saltu el la plad'.

Tamen, kvankam tiu estis tempo de granda kredemo kaj superstiĉo, ili ne trankviliĝis per la admono, sed ankaŭ ili trudis al la gastejestro prezenti la voston de la buĉita besto.

Kaj ankoraŭ nuntempe ekzistas proverbo pri tiu surogato, ĉar por

montri la ŝanĝojn faratajn de cirkonstancoj oni diras: «Buĉita kato, ja estas kuniklo.»

Mi pensas ke simpatiaj hungaroj eble posedas similan proverbon «Bredita leporo, ja estas kuniklo». Bedaŭrinde, bredado ne tiel facile ŝanĝas la bestojn, kaj ne estas maleble distingi unu el la alia.

Certe ni povos ilin distingi nek pro la vosto nek per la sorĉa admono; sed multajn diferencojn en ilia ostaro, felo, naskiĝo kaj moroj oni povas trovi inter tiuj du agrablaj bestetoj.

Sovaĝa kuniklo—*Lepus Cuniculos*. L—estas pli malgranda, ĝiaj postaj kruroj ne tre malegalaj al la antaŭaj, ĝia felo griza-bruna. Ĝi loĝas en subteraj kavoj, kie la inoj naskas plurajn idojn, senharajn kaj blindajn.

Rilate al leporoj, ni havas du specojn: *Lepus Europeus*, tre granda, oni trovas ĝin nur norde de rivero Ebro. Ĝi distingiĝas pro siaj ruĝbrunaj piedoj, kaj *Lepus Granatensis*, speco karakterize hispana, pli malgranda ol *L. Europeus*, sed pli granda ol kuniklo, kun blankaj piedoj. Ambaŭ specoj posedas longajn postakrurojn, ruĝbrunan felon, blanka je la ventro. Ili dormas surtere kaj iliaj idoj naskiĝas plenkovritaj per haroj kaj kun malfermitaj okuloj.

Kompreneble ni havas domkuniklojn, aŭ breditajn kuniklojn, kies ĉefaj rasoj estas: Giganta de Hispanujo, Giganta de Flandrujo, Angora (blanka), k. c.

Ĉu kunikloj kaj leporoj estas similaj bestoj? Sendube, sed ne la sama: ili estas parencaj, kiel azeno kaj ĉevalo; muso kaj rato, perdriko kaj koturno kaj... ansero kaj cigno. Ĉe ni, ekzemple, oni nur vidas cignojn en urbaj parkoj aŭ en Zoologiaj Ĝardenoj. Tamen, mi ne hazardus kredi ke cigno estas bredita ansero, nek mirus se mi legus ke en ia lando ajn oni ĉaspafas ĝin.

Cetere—kaj tio movas min por verki liniojn—kuniklo estas ia besto de nacia nobeleco. Naturistoj asertas ke ĝi estis pratempe tre abunda en Eŭropo; ĝi malaperis en la glacia periodo kaj nur restis en nia lando, el kie ĝi disvastigis en Eŭropo. Parenteze, estas kurioze rimarkigi kiel ĝi multobliĝas. Gekunikloj havas jare 1848 idojn. Se oni ne ĉaspafus ilin! Koloniisto portis en Aŭstralion tri parojn, kaj tri jarojn poste, iliaj idoj estis 14.000.000. Nur South New-Walles eksportas ĉiujare 15.000.000 da feloj.

Bochart diras ke la nomo Hispanujo devenas de fenica vorto *Span*, kiu signifas *Kuniklo*, kaj dum la Roma tempo, la hispanaj moneroj havis bildon montrante virinon kun kunikleto.

A. N. D.

## AL LA HEAANOJ

Diversfoje la direktoro de U. E. A. diris al mi, ke ni agas malbone donante al la membroj de nia Asocio tro per tre malgranda kotizo, ĉar tiamaniere ni alkutimigas malbone la samideanojn; mi tamen opinias nun same, kiel ĉiam: liveri al la heaanoj kiel eble plej multe. Pro tio, ĉar mi persone faris la eblon al tiu celo per donaco de mia libro «*Amelia kaj Marina*», mi kuraĝas min turni al miaj kunsocietanoj per la jena peto: BONVOLU AĈETI TIUN LIBRON SENDANTE DU PESETOJN AL NIA TREZORISTO (S-ro. Julián Sosa, str. Gonzalo de Córdoba, 22), KAJ LA MONO ATINGITA ESTOS POR RAPIDIGI LA ELDONADON DE «PROVO PRI IDEARO» ANSTATAŬ DEDIĈI ĜIN AL AMORTIZO DE LA ELDONKOSTO UNUAVICE. SE ĈIU HEAANO AĈETOS LA LIBRON, H. E. A. POVUS ELDONI TIOM DA PAĜOJ KIOM DA ILI JAM APERIS KAJ AKCELI LA FINON DE TIU GRAVA VERKO. DE VI, DO, DEPENDAS LA AFERO, DE VIA HELPO, KIU ESTOS HELPO AL VI MEM.

JULIO MANGADA ROSENÖRN

## PRI LA VOJAĜO AL ITALUJO

La Franca Societo por propagando de Esperanto sciigas al ni ke la proksimuma prezo de la fervojbiletoj de nia landlimo (Cerbère) ĝis la itala landlimo estas, kun la rabato enkalkulita:

| | | |
|---|---|---|
| Iro...... | I[a] klaso...... | 190 frankoj francaj. |
| Iro...... | II[a] klaso...... | 130 frankoj francaj. |
| Iro...... | III[a] klaso...... | 85 frankoj francaj. |

La partopreno en la franca karavano C, kiu deiras de Nice la unuan de aŭgusto, kostos 135 fr. fr. Por kuniĝi al Karavano de Nice, forveturonta per vagonaro je la 8[a] h. 39 m. la 1-an de aŭgusto de 1935, oni devos eliri el Barcelono la 31-an de julio de 1935 je la 14[a] h. kaj 3 m., de Cerbère je la 17[a] h., de Perpignan je la 19[a] h. 35 m., de Narbonne je la 20[a] h. m., de Tarascón je la 2[a] h. 48 m. (la 1-an de aŭgusto de 1935), de Marseille je la 4[a] h. 22 m., alvenante al Nice je la 8[a] h. 31 m.

La rabato proksimume estos 40 % sed kondiĉe ke la partoprenontoj sciigu sian partoprenon al la F. S. P. E. pere de H. E. A. antaŭ la 1[a] de julio de 1935, por ke la sekretario de la F. S. P. E. sendu la rabatilojn (kartojn rajtigantajn por la rabato).

# PRI LINGVO INTERNACIA

Jen antaŭ niaj okuloj la dua eldono de la rimarkinda verko pri artefarita lingvo internacia de doktoro Bonifacio Sotos Ochando, kiun mia filo hazarde trovis en vendejo de uzitaj libroj. (Tria eldono. 1862. Madrido. Presejo de J. Martín Alegría.)

Mi sciis pri tiu ĉi projekto de lingvo internacia, ke ĝi estas unu el plej bonaj de sia klaso *a priori*. Mi sciis, ke S-ro. Sotos Ochando estis tre kompetenta lingvsciencisto, tre klera kaj modesta persono, kies meritojn ĵus mi konstatis per la verko, en kiu aperas, ke li estis deputito de la Hispana Parlamento, membro de la Konsilantaro de Publika Instruado kaj de kelkaj Sciencaj Societoj naciaj kaj fremdaj, publicisto kaj profesoro de la Centra Universitato.

Ĉar estas interesa kaj laŭdinda la laboro farita de nia ni povas diri glora samlandano, ni plenumas la devon konigi la fundamentojn de lia projekto pri internacia lingvo, tradukante laŭ jene:

## RESUMO PRI GRAMATIKO de UNIVERSALA LINGVO

### BAZOJ

I$^{a}$.—La natura kaj logika ordo de la signifataj aĵoj determinas la literojn, kiuj devas formi la vortojn por ilin esprimi, sekvante ĉiam alfabetan ordon. De ĉi tiu principo devenas preskaŭ ĉiuj avantaĝoj de ĉi tiu lingvo.

II$^{a}$.—La tuta manko de ĉiaj malregulaĵoj.

III$^{a}$.—Neniun vorton oni povas konfuzi kun alia; neniu vorto havas duoblan aŭ erarigan sencon.

## FORMADO DE LA VORTOJ

ALFABETO. — *A, e, i, o, u. B, c, d, f, g, j, l, m, n, p, r, s, t, y* (konsonanto), *z*.

SUBSTANTIVOJ.—Ĉiuj estas plursilabaj kaj finiĝas per vokalo. La deklinacio havas kvin kazojn: nominativon, akuzativon, dativon, genitivon kaj vokativon, kiujn oni formas respektive aldonante al la nomo ĉu antaŭe, ĉu poste la kvin silabojn, *la, le, li, lo, lu*.

ADJETIVOJ.—Ĉiuj estas plursilabaj kaj finiĝas per *n*. La kazojn de la deklinacio oni formas same kiel tiujn de la nomo sed pere de la vokaloj *a, e, i, o, u*.

PLURALO.—La pluralo de la nomoj ĉiam finiĝas per *z*.

ARTIKOLOJ.—La artikoloj estas *al, el, il, ol* aŭ *a, e, i, o*, aldonataj al la determiniloj de la deklinaciaj kazoj. La unua por la

petaloj, kaj skatola aŭ bera frukto. E. kreskanta sur la montoj kaj kulturata kiel ornama planto, *rododendro*. Arbedo kun rozaj floroj, *eriko*. Arbedo kies beroj estas uzataj kiel konfitaĵo, *vakcinio*. Vakcinioido kun ruĝaj beroj uzataj por konfitaĵoj kaj siropoj, *oksihoko*. Malalta vakcinioida arbedo kun nigraj bongustaj beroj, *mirtelo*. Ia vakcinioido, *arbuto*. Ia e., kun grandaj multnombraj belkoloraj floroj, *azaleo*. E. simila al eriko, *epakrido*.

**Sapotacoj**.—Vegetaĵoj el intertropikaj landoj kun simpla folio kaj bera frukto. Arbo kun oleeca frukto, kaj el kiu oni ekstraktas substancon similan je gutaperko, *sapoto*. S. utiligata por sapofarado, *basio*. Speco de basio, kies kernaj ŝeloj estas utiligataj en Ameriko por sapfarado, *elupo*.

**Aliaj familioj**.—Ornama planto el samnoma familio, *primolo*: speco de primolo, *aŭrikulo* (*aŭrikolo* laŭ Verax). Aliaj primolacoj, *anagalo*, *ciklameno* (ornama), *samolo*. Ornama planto el samnoma familio kun korimba infloresko kaj akena frukto, *selago*. Kvinpetala herbo el samnoma familio, kun hipoguna floro, *pirolo*. Planto el samnoma familio, el kies malgrandaj semoj oni ekstraktas oleon, *sezamo*. Ia parazita planto el samnoma familio, *orobanĉo*. Akva karnivora planto el samnoma familio, *utrikulario*. La veziketo plena je aero, kiun la utrikulariacoj portas, *utriklo*. Ia utrikulariaco, *pingikolo*. Ia intertropika planto el samnoma familio, *mirseno*. Ia mirsenaco, *jakinio*. Arbo kies ligno estas malmola kaj nigra kaj la floroj havas kvar aŭ ses petalojn solditajn, *ebono*. Herbo kies tre amara radiko estas kontraŭfebra, *genciano*. Specoj de genciano, *krucgenciano*, *menianto*. Ia multjara herbo kies foliojn, kuirigitajn, oni uzas por gargaraĵoj, *plantago*. Ornama vegetaĵo el samnoma familio, kun dubebluaj floroj, ankaŭ uzata en medicino. *verbeno*. Verbenaco el Hindujo, kies ligno estas tre malmola, *taktono*. Malgranda akva herbo el samnoma familio, kiu kreskas en mezvarmaj regionoj, *elatino*. Ornama planto el samnoma familio, *bignonio*. Iaj ornamaj bignoniacoj, *jakarando*, *katalpo*. Arbedo el la familio loganiacoj (kies ĉefa genro estas la *loganio*) kun bera frukto, kies grajnoj estas tre venenaj, *strikno*. Ia kvinpetala vegetaĵo el samnoma familio, *drozero*.

* * *

SUBKLASO 6ª.—**Kukurbacoj**.—Rampantaj plantoj kun kvinpetalaj monoikaj floroj kaj kukuma frukto. Manĝebla granda frukto el samnoma k., *melono*. Speco de melono, *kantalupo*. Frukto simila al melono, sed kun ruĝa molaĵo el samnoma k., *akvomelono*. Flava frukto kiu foje pezas cent kilogramojn, el samnoma k., *kukurbo*. Tre

popülara k. el Germanujo, Polujo kaj Rusujo, uzata kiel manĝaĵo, *kukumo*. Speco de kukumo, *kolokinto*. Ia k., kies frukto post sekiĝo povas servi kiel ujo por likvaĵo, *lagenario*. Aliaj k-j., *briono* aŭ *brionio*, *citrolo* aŭ *citrulo*, *ekbalio*, *lufo*, *melopepo*, *momordiko*. *pepo*. Koroda substanco de la ekbalio, *elaterio*.

**Rubiacoj.**—Vegetaĵoj kun kvar aŭ kvin sepaloj solditaj, kaj kvar aŭ kvin petaloj solditaj kun la kvar aŭ kvin stamenoj kaj du fermitaj karpeloj. Araba arbo transportita en Brazilujon, Ceilonon, kies frukto enhavas po du grajnoj, *kafarbo*; la frukto, per kiu oni faras infuzaĵon, *kafo*. Alkaloido ekstraktita el la kafo, *kafeino*. Amerika arbo, el kies ŝelo (*kinkono* aŭ *kino*, laŭ Verax), oni ekstraktas senkoloran substancon (*kinino*) uzatan kiel kontraŭfebrilo, *kinkono*. R. kies radikoj (*ipekakuano*) estas uzataj en farmacio, *ipekakuano*. R. el kiu oni ekstraktas ruĝan tinkturilon, *rubio*. Aliaj r-j., *gardenio*, *galio*, *asperulo* (*asperolo*, laŭ Verax).

**Kaprifoliacoj.**—Grimpaj arbedoj, kun folioj kreskantaj duone de la sama punkto de la branĉo, sed laŭ kontraŭaj direktoj, kaj kun kaliko aliĝinta al ovario. Arbedo kun blankaj floroj kaj ruĝaj fruktoj, *viburno*; speco de viburno, *opolo*. Arbedo kies floroj estas uzataj kiel ŝvitiga rimedo, *sambuko*. Speco de sambuko, kies floroj kaj beroj estas uzataj en medicino, *ebulo* (*ebolo*, laŭ Verax). Arbedo, kies lignon oni uzas por bastonoj, pipaj tuboj, k. c., *lonicero*. Ia k., *ksilosteo*.

**Kompozitoj.**—Vegetaĵoj kun folioj sen stipoloj, floroj kun kvin solditaj petaloj kaj akena frukto. Ĉe kelkaj k-j.: floroj, kies limbo plilongiĝas al unu flanko, *duonfinialo*; kies, limbo estas regula aŭ preskaŭ, *floskulo*; haroj, kiuj provizas la pistilon kaj kolektas la polenon, *kolektantoj*; delikata filamento kiu provizas la receptaklon, *fimbrilo*; aro da folioloj kreskantaj ĉe la bazo de la kapitoloj, *involukro*; membraneca plilongigaĵo, kiu eliras el la antero, *apendico*; multaj fruktoj havas akentufon.

La sekvantaj k-j. estas nomataj *floskulozoj*, tial ke la kapitolo konsistas ekskluzive el floskuloj. Amara k. havanta venenajn proprecojn, *artemizio*. Aromata herbo, speco de artemizio, *drakunkolo*. K., kies floroj kaj folioj estas provizitaj per dornoj, *kardo*. Ia speco de kardo, *karlino* (*karleno*, laŭ Verax). K., kies floroj estas manĝeblaj, *artiŝoko*. Ia manĝebla k. simila al kardo kaj artiŝoko; hispana artiŝoko, *kardono* (*kardunkolo*, laŭ Verax). K. el Ameriko, kies floroj estas laksigaj kaj el kiu oni ekstraktas flavan aŭ ruĝan kolorigilon, *kartamo*. K., unu el kies specoj estas uzata kiel insektmortigilo, *santolino* (*santoleno*, laŭ Verax). Ia flosflulozo, uzata por tizanoj, *centaŭreo*.

La floroj de la sekvantaj k-j. havas multajn petalojn, kvazaŭ radioj de rado; tiuj k-j. estas *radifloroj*. K. uzata popole kiel vundsaniga rimedo, *arniko*. K. kies semoj estas manĝeblaj, *helianto*. K. kun belaj flavaj floroj, *kalendulo* (*kalendolo*, laŭ Verax). K. per kiu oni faras ian insektomortigan pulvoron, *piretro*. Herbo kies floroj estas uzataj por ia infuzaĵo, *kamomilo*. Ornamaj k-j., *dalio* (aŭ *georgino*), *senecio*.

Ceteraj k-j.: Herbo kies radiko estas uzata kiel surogato de la kafo, *cikorio*; varioj de cikorioj, manĝeblaj kiel salato, *endivio*, *skarolo*. K-j., kies folioj (ĝardenisto igas ke ili estu blankaj) estas manĝeblaj salate, *laktuko*; kies legumeno estas manĝebla, *skorzonero*, *tragopogo*. Multjara herbo kun malgrandaj floroj, *lekanto*. Ornamaj k-j.: *kalistefo* (similanta grandan lekanton), *krizantemo* (kun grandaj diverskoloraj floroj, tre uzata en Japanujo), *taĝeto*, *verbezeno*, *vernonio*. K. uzata kiel spicaĵo kaj en la medicino, *abrotano*. Herbo, kies floro estas laneca kaj kiu kreskas sur la altaj montoj, *edelvejso*; kies blanka floro similas atlason kaj kiu kreskas sur la supro de la Alpoj, *leontopodo*; kies floro estas uzata en la medicino, *cejano*. Iaj k-j.: *ajapano* (speco de eŭpatorio), *akileo*, *ambrosio*, *antemo*, *astero*, *balzamito*, *buftalmo*, *cirsio*, *eŭpatorio*, *helikrizo*, *hieracio*, *inolo*, *krepido*, *ksantio* (speco de ambrosio), *lapo*, *lapsano*, *leontodo*, *madio* (el Ĉilio), *martrikario*, *onopordo*, *pikridio*, *ptarmiko*, *seratolo* (uzata en tinkturado), *sferanto*, *solidago* (herbo), *spilanto*, *tanaceto*, *tusilago*.

**Aliaj familioj.**—Herbo kun dubeflava floro kaj kies radiko estas ŝvitiga, *aristolokio*; specoj de aristolokio, *serpentario* (kiu, laŭ iaj amerikaj popoloj, timigas la venenajn serpentojn), *azaro*. Vegetaĵo kies floro estas sonorilforma, *kampanulo* (*kampanolo*, laŭ Verax). Kampanulaco, kies radiko estas manĝebla, *rapunkolo*. Speco de kampanulo, *trakelio*. Ia kampanulaco, *spekulario*. Iaj dipsakacoj, *dipsako*, *skabiozo*. Herbo, kies radiko estas uzata kiel nerva sanigilo, *valeriano*. Valerianaco, kies folioj estas manĝeblaj salate, *valerianelo*. Aliaj valerianacoj, *aksio*, *centranto*. Ia suda dorna vegetaĵo, *akanto*. Hokoj, kiuj ĉe la akantacoj altenigas la grajnojn al la parioj de la frukto, *retinaklo*. Vegetaĵoj kun dikaj folioj, *krasulacoj*. Iaj krasulacoj, *sedo*, *sempervivo* (kun blankaj floroj kaj kreskanta sur tegmentoj kaj malnovaj muroj), *krasulo* (kun bonodoraj floroj; *krasolo*, laŭ Verax).

# ZOOLOGIO

## XIII.—ANATOMIO

Scienco pri la strukturo de organismoj de vivantaj estaĵoj, *anatomio*. Organismo ne posedanta naturan strukturon, *amorfa*. Scienco pri la fenomeno de la vivo kaj pri la funkcio de la organismoj, *fiziologio*; sciencisto, *fiziologo*. Por anatomio kaj fiziologio pri kreskaĵoj; vidu «VII.—Vivo» kaj «VIII.—Generalaĵoj pri kreskaĵoj» (paĝoj 23-32). Tie-ĉi ni studos nur la anatomion kaj fiziologion de la homo kaj la bestoj.

Homo konsistas el tri partoj, nome: *korpo* (materia), *animo* kaj *spirito* (nemateriaj). La *anatomio* studas la homan korpon; la *psikologio*, la animon (Vidu «XIX.—Sentoj»). La tuta korpo kaj ĉiu ĝia parto konsistas el tri partoj respondaj al korpo, animo kaj spirito, kaj ni nomos ilin mallongige (A), (B) kaj (C).

Alteco de la homa korpo, *staturo*. Grandegulo, *giganto*; malgrandegulo, *pigmeo*. Granda, sed ne laŭ la alteco, *dika*; dika, havanta multe da graso, *grasa*; malgrasegulo (en figura senco), *skeleto*. Korpampleksa, dikventra, vastkorpa, *korpulenta*. Harmonie proporcia, *gracia*; malharmonie, *monstra*; gracie maldika, *svelta, gracila*. Ŝanĝoj, kiuj okazas en la korpo de krustaco, insekto aŭ batrako de la eloviĝo ĝis plena korpiĝo, *metamorfozo*.

Kio troviĝas ĉe la flanko kontraŭa de la koro, *dekstra*. Kio apartenas al la flankoj, *iliaka*. Korpa parto karakterizata de io speciala, *regiono*; duone dividata per sulko, *dusulka*. Movebla korpa parto kunigita kun la cetero per artiko, *membro*; brako, piedo kaj flugiloj estas membroj, sed la vosto, ne. Perdinta iun membron, aŭ la kapablon por uzi ĝin, *kripla*.

La homa korpo dividiĝas en tri partoj, la supra (C), *kapo*; la meza (B), *torako* kun la supraj membroj, kaj la malsupra (A), *abdomeno* kun la malsupraj membroj. La torako kaj la abdomeno formas la *torso'n* aŭ *trunko'n*. Kuniĝo de torako kaj abdomeno, *talio*; de torako kaj kapo, *kolo*. Antaŭo de la supra parto de la homa korpo, *busto*. Posta parto de iaj bestoj (kiel serpento, k. c.), *vosto*.

MEMBROJ.—**Torakaj membroj** (B).—Ĉe la homo kaj la simio, supra parto (A), *brako*; meza (B), *antaŭbrako*; malsupra (C), *mano*. Parto de la torako, kiu kuniĝas kun la brako, *ŝultro*. Kavo sub la artiko de ŝultro kaj brako, *akselo*. Kuniĝo de (A) kaj (B), *kubuto*;

propraj nomoj, kiel *Salomon*; la dua por la komunaj nomoj uzataj en senco ĝenerala; la tria por la komunaj nomoj uzataj en speciala aŭ determinata senco; la kvara por tiuj nomoj uzataj en nedeterminata senco.

GENROJ. — La genroj de la nomoj, ĉar la adjektivoj ne havas genrojn, estas esprimataj de la silaboj *an, en, in,* por la vira, la ina kaj la ambaŭ seksa respektive. La silabon *on* oni uzas por la neŭtraj adjektivoj substantigitaj.

VERBOJ.—Ĉiuj verboj estas plursilabaj, finiĝante per *ar, er, ir, or, ur.* La literoj formantaj la infinitivon estas tute konsiderataj kiel neŝanĝebla radiko, pro kio, ĉiuj ŝanĝoj de la verbo por esprimi la signifon estas atingataj per aldono de aliaj literoj. La silaboj *sa, se, si, so, su,* antaŭ aŭ post la infinitivo (radiko), donas ideon pri la klaso de la verbo: *aktiva, reciproka, neŭtra, nepersona* kaj *pasiva,* respektive. Aldonante al la infinitivo (radiko) aŭ al la finaĵoj esprimantaj la klason la ses unuajn konsonantojn *b, c, d, f, g, j,* oni formas la ses modojn de la konjugacio: *indikativan, kondiĉan, subjunktivan, imperativan, nepersonan* (kiu estas la neĝuste nomata *infinitivo*) kaj *gerundian.* Oni formas la tempojn pere de la vokaloj *a, e, i,* al la ses konsonantoj diritaj, respektive por la *pasinto,* la *estanto* kaj la *venonto*; sed se oni sumus aŭ aldonus du vokalojn, la unua esprimas la tempon laŭ absoluta maniero, kaj la *dua* esprimas la tempon rilate al ĉefa tempo esprimata de la unua vokalo, determinante ĉu la rilata estas antaŭa, samtempa aŭ posta al la ĉefa esprimata de la unua vokalo. Por determini la personojn de la singularo kaj pluralo oni uzas la konsonantojn *l, m, n, r, s, t.*

Nur estas unu sola konjugacio tute regula.

Ami=Ucelar. Facile oni povos fari la konjugacion laŭ dirite.

La verbajn nomojn oni formas ankaŭ per aldono de silabo al infinitivo. Tiel la konsonantoj M, N kaj P, post la verbo, signifas la verbajn aktivajn, pasivajn kaj cirkonstancajn laŭ ĉi tiu formo: *ma* signifas aganto; *me,* la agon de l' aganto; *mi,* la kvaliton aktivan; *na,* la aĵon faritan; *ne,* la agon ricevitan de l' suferanto; *ni,* la kapablon; *no,* la eblecon; *nu,* la meriton por la ago, aŭ indecon; *pa,* la lokon; *pe,* la tempon; *pi,* la objekton en kiu efektiviĝas; *po,* la instrumenton por agi.

ADVERBOJ. — Ĉi tiuj estas unusilabaj aŭ plursilabaj kaj finiĝas per *c,* preskaŭ ĉiuj devenas de aliaj vortoj, al kiuj oni aldonas la c por tiujn formi.

PREPOZICIOJ.—Estas unusilabaj kaj komenciĝas per konsonanto kaj finiĝas per vokalo.

KONJUNKCIOJ.—Estas ankaŭ unusilabaj, komenciĝas per konsonanto kaj finiĝas per *l*.

INTERJEKCIOJ.—Estas unusilabaj aŭ plursilabaj kaj finiĝas en *j*.

MODIFANTAJ PARTIKULOJ.—Estas silaboj, kiuj komenciĝas per konsonanto kaj finiĝas per *n*: komparantaj, superlativaj, pligrandigantaj, diminutivaj kaj gradigantaj.

TEKNIKAJ KAJ METAFORAJ VORTOJ. — Estas unusilabaj, kiuj komenciĝas per konsonanto kaj finiĝas *r*, *s*.

DEVENATAJ VORTOJ.—La formado de ĉi tiuj vortoj estas atingata per aldono de silabo komenciĝanta konstante per konsonanto. En la vortoj devenantaj de adjektivoj, la aludita silabo iras poste de la *n*, kiu estas la generala karakterizo de la adjektivo; sed kiam la radiko estas nomo, oni intermetas inter la nomo kaj la silabo dirita. La senco de ĉi tiuj aldonotaj silaboj estas tute memstara kaj determinata, kaj neniel povas okazigi erarojn aŭ dubojn.

Oni prononcas tute klare ĉiam ĉiujn literojn laŭ ilia sola sono. Ĉiuj vortoj, kiuj finiĝas per vokalo (nomoj), havas la akcenton sur la antaŭlasta silabo; la ceteraj, kiuj finiĝas per konsonanto, havas la akcenton sur la lasta silabo, sed unuj kaj aliaj ne ŝanĝas la akcenton kvankam ili ricevas aliajn literojn aŭ silabojn por la deklinacio aŭ konjugacio.

Kiam la senco restu tute klara oni povas eligi:

I-e., la silabojn *la*, *laz*, signojn de la nominativo, kaj eĉ *le*, *lez* de la akuzativo; II-e., la silabojn *sa*, *se*, *si*, *so*, *su*, post la radiko infinitiva; III-e., la diptongon por la propraj nomoj, multokaze.

Oni povas intermeti la vokalon *e*, pli-malpli muta, inter du konsonantoj; la *h*, pli-malpli aspirata, inter du vokaloj.»

J. M. R.

# NEKROLOGO

La 15-an de la jus pasinta novembro mortis en Madrido la patrino de nia fervora kaj kompetenta samideanino F-ino. María Franco del Capblanco, S-ino. Raimunda Díez de Robles.

Bedaŭrinde ni ne sciis pli frue la malfeliĉon de nia tre kara kunheaanino, ŝi, ĉiam modesta kaj bonkora, sendube ne volis alporti al ni ĉagrenon, opiniante ke doloron oni ne povas alportigi al ceteraj, ke la doloro devas resti nur tie, kie ĝi estas. Tamen, sciinte ŝian doloron, ni esprimas al ŝi nian plej koran kondolencon kaj petas esprimi ĝin al ŝiaj familianoj.

# ENLANDA KRONIKO

*Bilbao.*—La 5-an novembro komencis la elementala kurso kun multenombra ĉeestantaro, inter ili kelkaj fraŭlinoj. Ĝi estas gvidata de la samideano Eduardo Larrouy, kaj ĝi okazas ĉiulunde, merkrede kaj vendrede je la 8ª ĝis la 9ª.

La 8-an de la sama monato ankaŭ komencis la supera kurso, kiun ĉiuĵaŭde klarigos nia samideano Teodoro Elizondo.

Post kelkaj klopodoj oni atingis la organizon de serio da konferencoj pere de la ties Radio-Stacio, kiuj okazis la unua fojo la 30-an oktobro kaj la dua la 13-an novembro.

Ili estis faritaj de nia samideano Alberto Díaz (prezidanto de la Grupo) kaj daŭrigos ĉiu dua mardo.

* * *

*Cassá de la Selva (Gerona).*—La esperantista grupo «Flugiloj» aranĝis dum la Kristnaskfesto, tre gravan esp.-ekspozicion en la ejo de l' grupo, str. García Hernández, 15, pral. Ĝi estis malfermata ĝis la 1ª januaro. Samideano Enrique Genoher klarigos ekde la 4ª januaro esperantan kurson, ĉiumarde kaj ĉiuvendrede je la oka vespere.

# EKSTERLANDA KRONIKO

*Francujo.*—Nia gazeto ricevis ekzempleron de la nova esperantlingva afiŝo de la Lyon'a Foiro. Ĝi estas trikolora kaj mezuras 60 cm. × 1 m. Post kelkaj tagoj la Lyon'a Foiro eldonos ankaŭ novajn tripaĝajn artajn prospektojn en esperanto. Por senpage ricevi la afiŝon kaj la prospekton, oni skribu al: Foire de Lyon, Esperanto Fako, Rue Ménestrier, Lyon, Francujo.

*Brazilo.*—Okaze de la 23ª kunveno de la Konsultiĝa Konsilantaro de la Internacia Specimena Foiro de Río de Janeiro, la prezidanto laŭdis Esperanton pro la efiko de la propagando de la Foiro, farita per nia lingvo. En tiu Foiro oni ekspoziciis en la stando de la Poŝta kaj Telegrafa Departemento bildon de pli ol ducent tutmondaj gazetoj, kiuj raportis pri la esperanta eldono de ŝtataj ilustritaj poŝtkartoj de Brazilo.

La unua Brazila Filatela Kongreso okazinta en Río de Janeiro aprobis deziresprimon por ke la filatelaj asocioj rekomendu al siaj membroj la lernadon de Esperanto.

*Jugoslavio.*—La ministerio pri Instruado permesis per dekreto de la 9ª de la lasta oktobro al S-ro. Dolfa Bartoŝik, gvidi Esperanto-kursojn en ĉiuj mezlernejoj kaj pedagogiaj institutoj de la Danuba regiono.

*Italio.*—La Organiza Komitato de la XXVII[a] Kongreso avertas al kongresanoj ke ili devas zorgi pri si nur ĝis la itala limo; de tie ĝis Roma kaj Nápoli kaj ree al la limo, la Organiza Oficejo zorgos perfekte kaj malkare. Ĝi jam atingis rabaton por la fervojaj vojaĝoj. Kiu aliĝos antaŭ ol la fino de januaro havos 30 % da rabato en la kongreskotizo.

---

# XXVII CONGRESO UNIVERSAL de ESPERANTO
## EN
# FLORENCIA - ROMA - NÁPOLES

Las Compañías de los ferrocarriles españoles han concedido la *tarifa número* 108 (*artículo* 2.°) de Gran Velocidad para cuantos hayan de participar en dicho Congreso y estén provistos de la tarjeta correspondiente, exigida por las Compañías, y que será inmediatamente editada por H. E. A. para ser facilitada a *todos los esperantistas hispanos o extranjeros que crucen España* en viaje a Roma. Esta tarifa viene a proporcionar la economía de una tercera parte, y con ella serán facilitados los billetes de ida a partir del 29 de julio del corriente año, y los de vuelta hasta el día 27 de agosto, teniéndose, pues, tiempo para hacer el Crucero a Sicilia-Trípoli, etc.

La Sociedad Francesa para la Propaganda del Esperanto ha conseguido de sus Compañías de Ferrocarriles una rebaja del 40 por 100 sobre los billetes ordinarios, y organiza tres caravanas: una que parte de París; otra, de Lión, y la tercera, de Niza. Los billetes reducidos pueden sacarse desde el día 30 de julio para la ida y hasta el 23 de agosto para el regreso. Así, pues, son perfectamente aprovechables por los españoles que acudan al Congreso, y para ello H. E. A. estará en relación constante con la S. F. P .E., consiguiendo las tarjetas correspondientes.

A los españoles conviene sumarse a la caravana francesa que partirá de Niza el día 1.° de agosto de 1935, a las 8 horas y 39 minutos, que llega a Bordighera tres horas después, pasando el día en esta población, donde se celebrará una fiesta y baile nocturnos, habiendo hecho una excursión a San Remo. El día 2 se hará una excursión a «*La Mortila*», se visitarán las cuevas prehistóricas, y después de almorzar en Bordighera se partirá para Génova, donde empezará ya la vida precongresal en Italia.

H. E. A. interesará de la S. F. P. E. el precio de cuanto afecta a la estancia, excursiones, visitas, etc., para los españoles que se adhieran a esta caravana.

## BIBLIOGRAFIO

*Internacia Polica Bulteno.*—Ĝi estas ilustrita gazeto kun ok grandampleksaj paĝoj kaj kovrilo. Oficiala organo de la Internacia Polica Ligo. Ĝi enhavas teknikajn artikolojn kaj interesajn informojn pri la evoluo de la policfaka esperantista movado. Demandu ekzempleron kontraŭ alsendo de respondkupono al «Internacia Polica Bulteno», 10, rue Engelhardt, Strasbourg, Mainau (Francujo).

*Biblioteko de la propagandisto.*—Ni ricevis la unuan numeron de tiu biblioteko, titolitan «La fabelo pri la granda turo kaj la malgranda doktoreto», eldonita de la Esperanto-Centro Rumana, strato D-ro. Istrate, 10, Bukaresto.—Ĝi estas bona propagandilo. Nur dek centimojn svisajn.

*Skizoj el Esperantujo.*—Broŝuro verkita kaj eldonita de Franz Ullrich, villa Esperanto, Bürgstein, Ĉeĥoslovakio. Prezo: du respondkuponoj aŭ egalvaloro. Ĝi estas kolekto de rakontetoj pri diversaj tipoj kaj scenoj de esperantistoj. Tre korekta stilo; oni legas ĝin senlace.

*Esperanto voti.*—Ĝi estas la estona eldono de la Esperanta Ŝlosilo, kiu pligrandigas la nombron de tiuj etaj propagandiloj. Havebla ĉe U. E. A.

RECENZO DE GAZETOJ.—Nia gazetaro pli kaj pli kreskas. Lastmonate ni ricevis unuafoje jenajn gazetojn: *Bulteno de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista* (dumonata; redakcio, Uralské, 447, Praha XIX); *Esperanto* (organo de la Esperanta Asocio de Rosario, República Argentina, calle Córdoba, 797); *Esperanto dla wszystkich* (monata; redakcio, Nowolipki, 36, Warszawa, Polujo); *La Progreso* (organo de Ĉeĥoslovaka Movado Esperantista; redakcio, Socharska, 333, Praha, VII); *Lingvo internacia* (monata organo de Helenaj Esperantistoj; redakcio, Rodou, 21, Ateno, Grekujo); *Sur posteno* (organo de I. P. E. kaj S. E. V.; redakcio, Postbus Z, 5, Amsterdam, Z, Nederlando); *Norvega Esperantisto* (organo de N. Esp-ista Ligo; redakcio, Boks, 388, Oslo); *La Suno* (pacifisma ilustrita gazeto; redakcio, Tojohara-ĉo, Ŭakajama-ŝi, Japanujo). Longan vivon al ĉiuj!

GVIDFOLIOJ PRI TURISMO: *La insulo Tekselo* el Nederlando, kun belaj fotografaĵoj, el ili tiu de la ESPERANTA MONUMENTO starigota dum la venonta majo en Den Burg, sur la dirita insulo.—*Al Austrio*, bela propagandilo kun pli ol 25 fotografaĵoj, kompleta landkarto, informoj kaj koloraj fruntoj.

## IO EL ĈIO

### LA KAMELOJ DE LA ARABO

Kiam la arabo Muhammud estis mortonta (lia nomo estu benata!), lasis sian kamelaron al siaj tri filoj, kondiĉe ke la plejaĝa heredu la *duonon*, la mezaĝa la *kvaronon* kaj la plej juna la *sesonon*. Post la enterigo, la filoj volis dividi la heredon, sed, ve! la nombro de kameloj estis dividebla nek per du, nek per kvar, nek per ses. Ili jam ekdisputis kiam derviŝo alvenis kaj por pacigi ilin donacis al ili sian unikan kamelon.

Tiel la filoj de Muhammud distribuis la heredon kaj vidis mire ke malmankis ĝuste la kamelo de la derviŝo. Tiu-ĉi ricevis sian beston kaj dankis Alah'on, ĉar Li premiis al li tiamaniere lian oferdonon por pacigi liajn samkredantojn.

El kiom da kameloj konsistis la heredo?

* * *

### RATOJ NE PRIOKUPANTAJ AL ZOOLOGO, SED...

. rato — al komercisto.
. . rato — al ŝipveturanto.
. . . rato — al fizikisto.
. . . . rato — al geometriisto.
. . . . . rato — al revoluciulo.
. . . . . . rato — al algebristo.
. . . . . . . rato — al kemiisto.
. . . . . . . . rato — al politikisto.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

* * *

### SOLVOJ DE LA ENIGMOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*Recepto por verki himnon.*—Esperanto unuigos kaj fratigos — la tutmondan loĝantaron, — kiu vivos kiel vera familio, — kiel novframasonaro.

*Ĉu ili fanfaronis?*—Per romaj ciferoj: MI = 1.001; VI = 6; LI = 51; CI = 101.

* * *

### KORESPONDADO

Jan Ev. Slávek. Oficisto. Wiclifova, 1724. Praha, XI.—Ĉeĥoslovakio.—39-jara. Li deziras interŝanĝi poŝtkartojn kun vidaĵoj (poŝtmarkoj ĉe la adresflanko), gvidfoliojn, librojn pri turismo.

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926